


# INTERNACIA FERVOJISTO

2001 . 6



LKK-anoj de la 54-a IFK en Plovdiv kun nia honora prezidanto kaj estrarano de IFEF.

## *Memorinda dato por FISAIC*

Venontjare, dum la Ĝererala kunveno de FISAIC okazonta de la 26-a ĝis la 30-a de septembro en Obernai (apud Strasburgo) en Francio, FISAIC festos sian 50-an kreado-datrevenon.

Kvankam partopreno-prioritato estas donata al la Naciaj Unioj kaj delegitoj de FISAIC, ekde nun pripensu rezervi tiun daton por kune festi tiun gravan manifestacion.

Eblas ricevi informojn de la sekretariejo de FISAIC en Parizo :

UAICF
Siège national
7 rue du Château-Landon
FR-75475 Paris Cedex 10
Tel : +331 42 09 25 91
Fax : + 331 42 09 17 99
Retadreso : nbayard@uaicf.asso.fr
TTTpaĝo : http://www.uaicf.asso.fr

## *Gratulon*

La 2-an de septembro 2001 nia amiko Barnickel Wilhem festis sian 80 jariĝon.
Por lia plurjardeka rezultohava grava laboro, en jaro 1996 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.
Koran gratulon

***Frontpaĝo***
*De maldekstre : Tonĉo Válev, Joachim Giessner, Eva Bojaĝieva, Lazar Karakaŝev Magdalena Feifiĉova, Reni Geordieva, Enjo Enev kaj genuita Stanil Nikolov*

## Enhavo

# 54-a IFEF-kongreso en Plovdiv Bulgario

(01/07 de junio 2002)




**Adreso de LKK :**
54-a Kongreso de IFEF, Centrala Poŝto, poŝtkesto nº 455
BG-4000 Plovdiv
Tel : 359 32 26 79 12 / 359 32 44 14 37
Fakso : 359 29 87 45 41
Retadreso : bdz-intrel@bbf.bg

| ***Provizora programo*** | | |
|---|---|---|
| Sabato 01/06 | <br>09.00 - 22.00 h<br>11.00 - 12.00 h<br>15.00 - 15.30 h<br>15.30 - 17.30 h<br>20.00 - 24.00 h | Alveno de kongresanoj<br>Akceptejo / informejo funkcias<br>Gazetara konferenco<br>Komuna kunsido de la IFEF estraro kaj LKK<br>Kunsido de la estraro de IFEF<br>Interkona vespero |
| Dimanĉo 02/06 | 09.00 - 22.00 h<br>09.00 - 12.00 h<br>12.15 - 12.30 h<br>14.00 - 16.00 h<br>16.00 - 18.30 h<br>20.00 - 21.30 h | Akceptejo / informejo funkcias<br>Solena Inaŭguro<br>Komuna foto<br>Kunsido de la faka komisiono<br>Urba vizitado<br>Nacia vespero |
| Lundo 03/06 | 09.00 - 21.00 h<br>09.00 - 12.00 h<br>13.30 - 18.30 h<br>20.30 - 21.30 h | Informejo / Libroservo funkcias<br>Nepublika komitatkunsido<br>Duontaga ekskurso<br>Esperanta vespero |
| Mardo 04/06 | 09.00 - 21.00 h<br>09.00 - 12.00 h<br>14.00 - 16.00 h<br>18.30 - 20.30 h<br>20.30 - 24.00 h | Informejo / Libroservo funkcias<br>Plenkunsido<br>Kunsido de la terminara komisiono<br>Festa vespermanĝo antaŭ la balo<br>Internacia balo |
| Merkredo 05/06 | 09.00 - 19.30 h | Tuttaga ekskurso<br>Libera vespero |
| Jaŭdo 06/06 | 09.00 - 21.00 h<br>09.30 - 10.30 h<br>10.45 - 11.30 h<br>14.00 - 16.00 h<br>16.00 - 17.00 h<br>20.00 - 21.00 h | Informejo / Libroservo funkcias<br>Fakprelego<br>Fervojaj novajoj<br>Faka komisiono<br>La venonta kongreso prezentas sin<br>Muzika distra vespero |
| Vendredo 07/06 | 09.00 - 21.00 h<br>09.30 - 11.30 h<br>11.30 - 12.30 h<br>15.00 - 17.00 h<br>19.30 - 22.00 h | Informejo funkcias<br>Kunsido de la Faka Komisiono<br>Movadaj aferoj<br>Solena Fermo<br>Adiaŭa vespero |
| Sabato 08/06 | | Forveturo al postkongreso |

# Dumkongresaj ekskursoj

**Duontaga ekskurso (lundo 03/06/02)**

***Koprivŝtica***

Koprivŝtica, malgranda urbeto situas je 80 km-oj de Plovdiv. Ĝi estas grava nacia objekto pro sia historia kaj kultura signifo. Romantika spirito daŭre vivas en tiu urbo pro la multaj historiaj monumentoj, malnovaj domoj konstruitaj dum la Renesanco, kiuj nun estas transformitaj en muzeojn. Tiuj domoj konservas la malnovan internan arkitekturon kun multaj lignogravuraĵoj, lignoskulptaĵoj murpentraĵoj, freskoj k.a. Iliaj eksteraj arkitekturaĵoj estas tre interesaj «pro siaj korbelaj reliefigitaj muroj, balkonoj, verandoj kaj tegmentoj». La preĝejoj estas malnovaj, malgrandaj, sed tre interesaj pro siaj ikonostazoj, tronoj kaj ambonoj. Ĉe la rando de la urbeto staras la monumento de Georgi Benkovski, kiu prezentas la majestan figuron de rajdanto Benkovski kun lia fluganta ĉevalo kaj lia fluganta Taĉmento. Koprivŝtica estas naskiĝurbo de Benkovski - apostolo de la revolucia komitato por la liberigo de Bulgario de la turka jugo kaj gvidanto de "Aprila Ribelo" en la jaro 1876-a kontraŭ la turka imperio. Tie, troviĝas la maŭzoleo de la pereintoj en la ribelo. Sur la ponto de "Kalaĉev", kiam oni proklamis la "Aprilan ribelon", la ribelulo Tahanek ekpafis la unuan kuglon sur la jarcentan sklaviganton. La ribelo ne sukcesis, ĝi estis dron-igita en sango, la urbeto bruligita de turkoj, multaj loĝantoj estis mortigitaj kruele. Post la liberigo de Bulgario fare de Rusio en la jaroj 1877-1878-a, la urbeto denove estis restarigita. Nun ĝi estas urbo-rezervejo. Multaj bulgaraj kaj fremdlandaj turistoj vizitas ĝin kaj restas kun belegaj kaj neforgeseblaj rememoraĵoj.




*Kelkaj vidindaĵoj en urbo Koprivŝtica*

**Tuttaga ekskurso (merkredo 05/06/02)**

***Rila Monaĥejo***

Rila monaĥejo estas la plej granda kaj malnovtempa monaĥejo en Bulgario. Ĝi estis fondita en la X-a jarcento de monaĥo, Ivan Rilski. La monaĥejo estas fokuso de la bulgara patriotismo kaj rimarkinda monumento de la epoko de la bulgara Renesanco. Rila monaĥejo situas en la sino de Rila

montaro je 1147m-oj super la marnivelo, 119 km-ojn distanca sude de Sofio. Ĉirkaŭita de ŝtonaj muroj, ĝi gastame malfermas siajn larĝajn pordegojn dum la tuta jaro kaj disponigas al siaj milionoj da admirantoj preĝejon kun rimarkindaj freskoj, kiu nun staras en la korto de la monaĥejo, nomata "Turo de Hreljo". Tie estas videblaj unikaĵoj kiel : originala monaĥeja kuirejo, gastĉambroj en renesanca stilo, monaĥejaj ĉeloj, la pavimita korto de la monaĥejo, la tuta arkitektura ensemblo, libroj presitaj en malnovbulgara skribo, litografaĵoj en la biblioteko, la monaĥeja ikonografio, ligno-skulptadaĵoj kaj gravuradaĵoj, etnografia kolekto da bulgaraj naciaj kostumoj kaj Ornamaĵoj, fremdlandaj donacoj al la monaĥejo k.t.p. Rila monaĥejo ricevis la internacian premion FIJET « La ORA POMO" kaj troviĝas sub la protekto de Unesko.



*Rila Monaĥejo*

sian preĝejon kun unika ikonostazo kaj ligno-skulptaĵoj. La historio de la monaĥejo estas riĉa je eventoj dum la jarcentoj. En la XIV-a jarcento Hreljo Dragolov konstruigis la defendan turon kaj grandan

## Rolf Bergh 80-jara

La 10-an de oktobro em. trafik-inspektoro Rolf Bergh, festis sian 80-jaran naskiĝtagon.

Li estas prezidanto de Norvega Esperantista Fervojista Asocio – NEFA, cetere komitatano por tiu landa asocio en la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio - IFEF.

Plej karakteriza por Rolf Bergh estas lia talento por organizado, kaj dum la jaroj kiam li estis en fervoja posteno, li en ĉiuj medioj montris eksterordinaran aktivecon kaj dinamikon, kaj ĉie kie li agadis, sekvis pozitivaj rezultoj.

Precipe menciinde estas lia giganta laboro dum la 42-a kongreso de IFEF en Hamar en 1990, kiam dank'al li, la kongresanaro el nepagipovaj landoj restadis senpage. Cetere li kelkfoje aranĝis naciajn kongresojn kaj kunvenojn.

Rolf Bergh faris multe por aranĝi kursojn por komencantoj, precipe per la lokaj radioelsendejoj vaste en Norvegio, kaj ankaŭ enkadre de la esperantoklubo "La Urso" en la hejmurbo Sarpsborg.

Ni, liaj samideanoj kaj gekolegoj, elkore gratulas lin okaze de la jubileo, kaj ni ege deziras por nia amiko multajn pliajn bonajn jarojn.

Per Johan Krogstie

# 86-a Universala kongreso

## *Fervojista kontaktkunveno*

La kongressemajna lundo estis la 23-a de julio. Suno brilis same kiel la antaŭajn tagojn, sed por ni fervojistoj la tago estis speciala, ĉar matene je la 9-a kolektiĝis ĉ. 50 gekolegoj por partopreni la fervojistan kontaktkunvenon.



Inĝ István Gulyás

Vicprezidanto de IFEF, inĝ. István Gulyás bonvenigis kaj raportis pri la 53-a IFK en Tábor. Vicprezidanto de Kroata Fervojista Esperanto - Asocio, s-ro Zlatko Hinŝt, prelegis pri la Kroataj Fervojoj kaj ties situacio dum kaj post la milito antaŭ 10 jaroj, «Tra Kroatio per trajno». La disdivido de la iamaj Jugoslavaj Fervojoj kaŭzis, ke la reto de la kroataj fervojoj nun estas en tri apartaj partoj, ĉar kelkaj linioj transas Slovenion resp. Bosnion-Hercegovinon.

Dum la posta diskuto oni tuŝis i.a. la demandon pri enigo en IFEF-on de esperanto-parolantoj de aliaj trafikrimedoj ol la fervoja. Pri tio ni ja parolas, sed estus interese legi en IF pri agoj tiurilataj.

Post la kunveno, dudek-kelkaj vizitis la lokan vagonriparejon *Gredelj*. Tre interesa vizito, ĉar montris kaj klarigis la diversaj sekciestroj la ampleksan fabrikon, kiu, ek de 1894 situas apud la ĉefa stacidomo de Zagrebo. Ne nur riparo okazas tie, ankaŭ fervojajn kaj tramajn vagonojn oni konstruas. « Gredelj » estas la nomo de nacia heroo, kaj kvankam kelkaj domoj de la fabriko datiĝas de la 19-a jarcento, ĝi gajnis la internaciajn normojn *ISO 9000* kaj *9001*.

La tuthora vizito finiĝis per refreŝiga regalo, dum kiu montriĝis intereso pri Esper-anto fare de pluraj, ne malplej de la estrino pri edukado de ĉiuj laborantoj, s-ino Javorka Pervan, kiu organizis la tutan viziton. Kun vera sincero la vizitintoj aplaŭde dankis ŝin kaj la aliajn estrojn de la entrepreno.

eho (Hennig Olsen)

# Renkontiĝo de ĉinaj fervojistaj esperantistoj

De la 11-a ĝis la 13-a de aŭgusto ĉijare okazis renkontiĝo de ĉinaj fervojistaj esperantistoj en la nord-orienta urbo Changchun en Ĉinio. La fervojistoj venis el la urboj Tianjin(norda Ĉinio), Wuhan (meza Ĉinio), Changchun, Tonghua kaj Jinzhou (nordorienta Ĉinio).

Komisiite de la prezidanto de Ĉina Fervojista Esperanto-asocio s-ro Li Sen, s-ro Han Zuwu, vicprezidanto de ĈFEA prezidis la renkontiĝon. Ĉinaj fervojistoj diskutis pri la ĉijara laboro de ĈFEF, speciale pri la ebleco de okazigo de la kongreso de IFEF en Ĉinio. La opinio estis elmetita de s-ro Ouyang Xiangheng, la unua fervojisto, kiu kontaktiĝis kun IFEF antaŭ la fondiĝo de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio en Ĉinio. Ĉiuj ĉeestantoj subtenis la opinion kaj esprimis la deziron okazigi la kongreson de IFEF en Ĉinio en la taŭga jaro. Sed ni devas kontakti la estrojn de IFEF por scii la detalajn procedojn kaj aliajn atentindajn aferojn de okazigo de IFEF-kongreso.

Post la renkontiĝo, fervojistoj vizitis la Imperiestran Palacon de la lasta imperiestro de Qing-dinastio kaj promenis tra la urbo por ĝui bongustajn lokajn manĝaĵojn kaj admiri la belecon de la urbo.

Han Zuwu,
vicprezidanto
de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio

# ESTRARKUNVENO DE IFEF en Italio

De la 1-a ĝis la 3-a de septembro estrarkunveno de IFEF okazis en la Casa Alpina de la Dopolavoro Ferroviario



*« Casa Alpina » ripozejo de la italaj fervojistoj en la Dolomitoj*

Bologna (fervoja ripozejo) situanta en Plan de Val Gardena en la Dolomitoj.

La kunveno fariĝis laŭ oficiala tagordo. en kelkaj landoj kaj eksteraj rilatoj ĉefe pri UEA- kaj FISAIC-aranĝoj.

Tiu estrarkunveno okazis samtempe ol la kultura semajno organizita de la bologna grupo de FISAIC-landa asocio. Tiel la partoprenantoj ĝuis eklektitan programon enhavantan tuttagan ekskurson al mez-epoka kastelo, gvid-atajn piediradojn tra la Alpoj, ekspozicion prikoralan, prelegon kun filmo pri la sicilia vulkano « Etna » komentariita de eminenta vulkana gvidanto.

Lastan vesperon abunda bankedo fermis la someran periodon de tiu fervoja ripozejo.




*De maldekstre: Marica Brletić, d-ro Bolognesi, inĝ Gulyás kaj Jindřich Tomíšek*

Sinsekve estis analizitaj diversaj temoj rilatantaj al la lasta kaj venonta IFK, organizaj, financaj, redaktoraj aferoj, agadplano, situacio

La venonta estrarkunveno estos organizata en Port-Vendres (Francio) tuj post la nacia kongreso de FFEA.

Jean Ripoche

# Fervojista jarkonferenco en Ĉeĥio

En kadro de la Tagoj de Eŭropa kultura heredaĵo okazis de la 7-a ĝis la 9-a de septembro 2001 en moravia urbo Olomouc la 35-a jarkonferenco de Ĉeĥa landa asocio de IFEF.

Dum labora parto la ĉeĥaj fervojistaj kolegoj en ĉeesto de la gastoj el Aŭstrio, Nederlando kaj Pollando pritraktis siajn agadon kaj planon por la venonta periodo. trarigardis fervojan stacion kun stacidomo kaj antaŭstacia spaco en Olomouc, kie okazis antaŭ 10 jaroj nia 43-a IFEF-kongreso (unuafoje en estinta Ĉeĥoslovakio), spektis videofilmon pri tiu ĉi kongreso kaj, sub gvido de sperta ĉiĉerono Ladislav Lani (vicprezidanto de ĉeĥa sekcio de IFEF, FD de UEA) vizitis multajn elstarajn memoraĵojn en tiu ĉi urbo, la kvina plej granda en Ĉeĥa




La ĉefa punkto de la ĉi-jara agado estis sukcesa organizado kaj aranĝo de nia 53-a IFEF-kongreso en Tábor (CZ), kiun partoprenis 194 personoj el 18 landoj.

Ĉeĥaj kolegoj partoprenis vicon da aliaj aranĝoj organizitaj de IFEF kaj ties landaj asocioj prezentis fakajn prelegojn, kunlaboris en agado de Terminara sekcio de Faka komisiono, tradukado de fakaj artikoloj kaj aperigis ilin en fervojista gazetaro, eldonis Fakajn kajerojn. Ili kunlaboris en preparo de la plaĉaspekta publikaĵo eldonita okaze de la 160-a datreveno de la Norda Fervojo de la Imperiestro Ferdinando : Vieno - Prerov - Olomouc, inaŭgurita al la publika trafiko en j. 1841 ; la resumo krom lingvoj angla kaj germana ankaŭ estis en Esperanto.

En plua programo la partoprenantoj de la jarkonferenco aŭskultis prelegon pri ĝusta uzado de fervojfakaj terminoj en Esperanto, respubliko, prave nomata "perlo sur la verda kuseno", la plej historia urbo post Prago. Ĉarmis ilin la Kolono de la Plejsankta Triunuo, unika memoraĵo konstruita en baroka skulptarta kaj arkitektura kreado de unua duono de la 18-a jarcento, enlistigita sur Listo de la tutmonda heredaĵo de UNESCO, la rektorejo de la Universitato de Palacky, Ŝtata scienca biblioteko, Ĉefepiskopa palaco, monaĥejo Hradisko, urbodomo kun fama turhorloĝo, katedralo de sankta Venceslao, kastelo de Premyslidoj, Muzeo de arto, preĝejo de la Virgulino Maria la Neĝa, Patrujscienca muzeo, Baziliko minor de la Virgulino Maria sur Sankta Monteto apud Olomouc kaj aliaj vidindaĵoj.

*Komplilis Jindřich Tomíšek, prezidanto de ĉeĥa sekcio de IFEF, D kaj FD de UEA*
E-mail : fervoja.turismo@pvtnet.cz

## Kongreso de la Bulgara Esperantista Asocio

De la 7-a ĝis la 9-a de septembro 2001 okazis la 52-a kongreso de la Bulgara Esperantista Asocio (BEA) en urbo Velingrad, famkonata kiel ripozloko kun multaj mineralakvaj fontanoj kaj mineral-akvaj kuracbanejoj kaj basenoj.

En la kongreso partoprenis 15 gefer-vojistoj el la tuta lando. En tiu kunveno ĉeestis ankaŭ fremdlandaj gastoj de Francio, Jugoslavio, Germanio k.a. Entute 200 gekongresanoj kuniĝis.

Post la raporto de la prezidanto de B.E.A. inĝ Petro Todorov okazis debatoj. La prezidanto de L.K.K. de la 54-a IFEF-kongreso en Plovdiv, s-ro Lazar Karakaŝev. faris eldirojn, el kiuj kelkaj koncernis la preparon de la 54-a IFEF-kongreso en 2002. Li disdonis aliĝilojn kaj invitilojn al la partoprenantoj.

Sabate posttagmeze, la membroj de la Bulgara Fervojista Esperantista Sekcio (BFES) kunsidis.Tie s-ro Karakaŝev raportis pri la 53-a IFEF-kongreso en Tábor kaj pri iuj detalaĵoj koncernantaj nian 54-an kongreson.

En aŭgusto, de la 18-a ĝis la 24-a, grupo da esperantistoj de la societo « Fervojisto » en urbo Stara Zagora vizitis tiel nomatan « Staĝo Pluezek-esperanto 22 » en urbo Pluezek (Francio). Partoprenis 150 geesperantistoj el tuta Eŭropo. Tie, inter partoprenantoj, oni disdonis kongresajn materialojn por nia 54-a kongreso. En la staĝo de Pluezek ankaŭ agadis la prezidanto de IFEF doktoro Bolognesi.

Tonĉo D. Válev
Redaktoro de LKK en 54-a IFEF-K

## La historio de famkonata viadukto

Tiu fama viadukto situas sur la fervoj-linio laŭlonge de la suda bordo de la lago Erie en Norda Ameriko. La kinzua viadukto estis finkonstruita en 1882. La konstruado daŭris nur 94 tagojn, kaj ĝi estis la plej longa kaj altsituanta fervojo-ponto en la mondo kaj estis rezulto de eminenta inĝeniero-laboro.

Ĝi longas 625 metrojn, kaj la plej granda alteco estas 92 metroj. La viadukto estis konstruita pere de la pendolo-piliermetodo, ĉar la fero kuntiriĝas pro malvarma tempera-turo kaj dilatiĝas pro varma temperaturo. Plie, tiu regiono estas submetita al grandaj variadoj de temperaturoj kaj al fortaj blovoj eĉ ciklonoj.

Dum la konstruado oni uzis 1525 tunojn da fero, kaj en 1900 oni konstruis kaj oni anstataŭis ĝin per 3351 tunoj da ŝtalo. Ĝi estis konstruita por transportado de karbo de la okcidentaj montoj al la orientaj urboj. Ĝi ankaŭ fariĝis granda turistallogaĵo. Dum dimanĉoj someraj ofte okazis,ke 7 / 8 trajnoj kun eĉ 14 vagonoj transveturis la viadukton kun turistoj. Ĉi tio ĝis 1914 estis kompenso pri la elspezoj por la konstruado de la viadukto.

Ĝi nomiĝis « La 8-a Miraklo de la Mondo». La trafiko iom post iom malgrand-iĝis, kaj ĉesis en 1959. En 1977 la viadukto estis registrita en « National register of historic landmarks » kaj en 1982, kiam ĝi estis centjaraĝa, indikita kiel « National Historic Civil Engineering landmark», kaj estis deklarigita kiel teknika memoraĵo.

Ankaŭ nuntempe ĝi estas unu el la plej alte situantaj fervojpontoj. Nur 3 estas pli altaj, sed pli mallongaj. Ankaŭ en Norvegio oni konstruis viaduktojn, antaŭ ol proksi-mume 1980 el lignaĵo, sed poste el fero aŭ el ŝtalo.

*Eltiraĵo de la jarlibro de «Norvega fervojmuzeo» kaj de la «Amikoj de la fervojmuzeo».*

Odd Kolbrek

# La fervojo en Sirio kaj Irako

***Antaŭrimarko :***

La oficiala lingvo en ambaŭ menciitaj landoj estas la araba, do lingvo kun alia skribsistemo ol en Eŭropo. Do ĉiuj nomoj devas esti transskribitaj el tiu lingvo, kio kaŭzas - pro la diversaj manieroj - diferencojn en la skribado. Do mi uzas geografiajn nomojn laŭ la "Poŝatlaso de la Mondo" kaj se ne indikataj tie, la germanajn esprimojn. Sed mi ne ripetas la urbonomojn, kiujn enhavas jam la listo en la IF 2/1986.

***Uzataj urbonomoj :***

Bagdado - Baghdad
Basro - Bassorah, Basra
Erbilo - Irbil, Arbil, Erbil
Kirkuko - Kirkuk
Mosulo - Mossul, Mossoul, Al Mawsil
Zaĥo - Zakho, Sakhu ĉiuj en IRAKO.

La aŭtoro konfesas, ke li neniam estis en Irako, sed antaŭ multaj jaroj dufoje en Sirio, do pri Irako mi ĉerpis informojn nur el presitaj fontoj, do ĵurnaloj, almanakoj kaj leksikonoj. Do la vojaĝo al Sirio vere okazis kaj tion vi povas scii, se vi legis (aŭ posedas) la IF 2/1986, kies titolpaĝo montras foton de la limstacio Akkari inter Sirio kaj Libano, sed en Sirio (la korekto okazis en la IF 3/86, paĝo 2).

Se vi aŭdas ion pri la du landoj, vi certe pensas ankaŭ pri la Bagdad- kaj Hejaz - fervojo. La Bagdad-fervojo, parte konstruita dum la osmana regado, kondukis post la sendependeco de Sirio dufoje tra tiu lando, antaŭ ol atingi Irakon :

1. De Fevzipasa al Halabo kaj reen al Turkujo, sude de Karkamis ;
2. tra la tiel nomata « Anasa Beko » ĉe Nusaybin - vidu la skizon. Turkujo poste konstruis fervojan interligon tra Gaziantep, per kiu oni evitis la veturon tra Sirio por daŭrigi al Turkujo. Nun la fervojlinio gvidas multege da km-oj laŭlonge de la limo inter Turkujo kaj Sirio, tiel ke oni vidas el la trajno la liminstalaĵojn de ambaŭ flankoj ĝis Nusaybin, kie la fervojo atingas la "Anasan Bekon" sur siria teritorio, por poste daŭrigi al Irako.

La kalkulado inter la fervojoj (laŭ RIV kaj RIC) baziĝas i.a. sur la longeco de la uzitaj trakoj per la vagonoj. Ekde 1966 ekzistas por tiu mallonga siria relvojo escepto laŭ RIV, tiel ke oni ne ŝarĝas la CFS por tiuj 82 km-oj.

***Pri ambaŭ landoj :***

La foton de Akkari mi faris dum la halto el la trajno kaj tiu, kiun vi ĉi tie vidas, estas farita dum halto en la stacio Halabo. La du landoj havas nur unu fervojan konekson, baldaŭ du. La politiko ludas gravan rolon en la pritrakto de tiuj landoj, ĉar la fervojo estas sufiĉe grava transportilo kaj ambaŭ landoj agas en diversaj sferoj politikaj. Kialo por la nuna artikolo estas, ke en la lasta tempo ŝanĝiĝis multe tie kaj ekde majo 2001 denove ekfunkcias la fama Bagdad-fervojo, do trafikas la Bagdad-ekspreso, kiu ĝis tiu tempo finiĝis en Gaziantep. La mapo montras, ke - venante el Turkujo - oni devas trapasi Sirion por atingi Irakon.

Ricevi indikojn pri la longeco de la koncerna fervoja reto estas malfacile, ĉar ĉiu libro skribas ion alian. Verŝajne estas - ĉar oni konstruis novajn liniojn dum la lastaj jaroj - ke en Sirio ekzistas pli ol 2000 km-oj kaj en Irako pli ol 2 300 km-oj, verŝajne eĉ multe pli, ĉar jam la distanco de Nusaybin ĝis Basro estas 1182 km-oj (laŭ persona tarifo el 1981). La km-oj dispartiĝas inter normalŝpuraj kaj etŝpuraj linioj. Sed okazis jam kelkfoje, ke oni ŝanĝis relvojojn de unu ŝpuro al la alia (kutime al la normala).

***Pri la politika situacio :***

Kvankam ambaŭ landoj estas arabaj, ili ofte kverelis. Jam antaŭ la golfa milito Sirio kelkfoje baris la fervojan interligon tiel, ke Irako ne plu povis ricevi varojn (aŭ pasaĝerojn) per la fervojo el Turkujo kaj Eŭropo kaj fariĝis fervoja insulo.

Baroj okazis : 1977/78 kaj je la 08.04.1982. Dum la t. n. golfmilito, Sirio




# Fervoja reto en Sirio kaj Irako




estis kontraŭulo de Irako kaj pro tio baris denove la itineron, do Irako estis fervoje izolita, ĉar ĉe la alia flanko ankaŭ Irano estas malamiko de Irako, kio pruvas la milito inter ambaŭ landoj de 1980 - 1984. Sed en aŭgusto 2000 veturis unuafoje post tiu milito denove trajno de Mosulo al Halabo, kiu portis rubandon kun la arablingva vorto "frateco". Nur unufoje dum tiuj 18 jaroj oni reaktivis la fervojlinion, nome kiam eŭropaj landoj postulis la redonon de malplenaj varvagonoj, kiuj antaŭ la barado estis senditaj kun varoj al Irako. Tiam oni malfermis helpe de politikaj instancoj por tiuj vagonoj la limon kaj ebligis la retransporton al la koncernaj landoj.

Por eviti la ĉantaĝon pere de Sirio, Irako konsentis kun Turkujo jam en 1982, konstrui 140 km-ojn longan fervojan linion de Kurtalan en Turkujo, (kie turka relvojo finiĝas) rekte al Irako por interligi ambaŭ retojn (sen tuŝi Sirion). En tiu konekso estis antaŭvidita la limpasejo proksime de Zaĥo. Sed la konstruo ĝis nun ne okazis. La distanco estus inter Zaĥo kaj Mosulo de 140 km-oj.

Post la golfa milito oni establis en norda Irako specialan teritorion por protekti la kurdojn. La ĉefurbo de tiu teritorio estas Erbilo. Ĝi havas fervojan kunligon, sed estas tre dube, ĉu tio nun funkcias. Ŝajnas ke la Bagdad-fervojo (do ligo de Sirio / Turkujo / Eŭropo) ne tuŝas tiun teritorion. Ekde la fino de la golfa milito, krome, ekzistas en Irako du zonoj malpermesitaj (norde de la 36-a latitudo kaj sude de la 33-a latitudo), en kiuj la irakaj aviadiloj ne plu rajtas flugi, do aviad-malpermeso-zonoj. Ilin gardas usonaj kaj britaj aviadiloj. En jurnalo mi legis, ke je la 12.08.2000 bombaviadiloj atakis la stacion en Samua (arabe : As Samawah). Kelkaj homoj estis lezitaj. Do niaj kolegoj en Irako vivas en danĝera situacio.

***Pri SIRIO:***

La lando ampleksas ĉirkaŭ 185 000 kvadratajn kilometrojn kaj havas ĉ. 15 milionojn da loĝantoj. La ŝtato havas limojn kun Libano, Turkujo, Irako, Jordanujo kaj Israelo. Nur al la lasta ne ekzistas fervoja ligo (pro politikaj aferoj). La fervojo nomiĝas CFS, kio estas mallongigo de la franca : Chemins de Fer Syriens, heredaĵo de la franca influo. La konstruo de fervojoj komenciĝis jam longe antaŭ la sendependeco (1946), do ankoraŭ sub la turka jugo.

La estiĝo de la fervoja reto :

Transprenitaj linioj el la osmana epoko a) - d) :

a) Meydan-Ekbez (limo al Turkujo) - Tell Kalakh (limo al Libano)

b) Cobanbey (limo al Turkujo) - Koussair (limo al Libano) ambaŭ linioj apartenis parte al la linio de la Bagdad-fervojo

c) Damasko - Zerghaya (limo al Libano) : 1896

d) Damasko - Dera (limo al Jordanujo) :

1902
e) Tartuso - Akkari : 1968
f) Himso - Damasko : inter 1970 gis 1980
g) Latakio - Halabo - Rakko : 1973
h) Rakko Derezuro - Kamischli : ĉ. 1982
i) Himso Palmyra : ĉ. 1985 (por transporto de fosfato)
j) Derezuro - Abukemalo (limo al Irako) : en konstruo.

La direkcio de la CFS estas en Halabo, fervoja nodo en la nordo, ĉar la ĉefurbo Damasko estis dum multaj jaroj trajne nur atingebla tra Libano. La CFS estas membro de UIC kaj havas la kodnumeron 97.

La stacio en Damasko : Ĝi nomiĝas Hejaz Railway Station ("Hejaza Fervoja Stacio"), ĉar en ĝi komenciĝas la etŝpura Hejaza - Fervojo, nuntempe nur al Jordanujo. (Pri ĝi vidu la IF Nr. 2000.6+ paĝo 78). Temas pri bela konstruaĵo en araba stilo. *(Vidu la foton, reproduktaĵon el bildkarto).*

La CFS ankaŭ ekspluatas tiujn etŝpurajn liniojn (c + d). Ekzistas krome normalŝpura linio de la nordo, el Halabo kaj Himso, kiu finiĝas en alia stacio de Damasko.

La linio Tartuso - Akkari - Himso tuŝas libanan teritorion. Pro tio oni planas kromlinion, kiu tion evitos.

Apenaŭ konate estas ke Sirio kunfondis FISAIC. Tio okazis en la jaro 1952, sed poste oni ne plu aŭdis pri siriaj aktivaĵoj. Fonto : La broŝuro "Historio de IFEF, 1909 - 1984", paĝo 58.

Cetere: La fervojistoj en la du siriaj stacioj en la « Anasa Beko », kaj en la ĉirkaŭaĵo estas kurdoj. Tiun informon mi ricevis de siriano, devenanta el tiu regiono, kun kiu mi havis kontakton dum mia fervoja servo.

***Pri IRAKO :***

La lando ampleksas ĉ. 438 000 kvadratajn km-ojn kaj havas ĉ. 22 milionojn da enloĝantoj. La ŝtato limas al Turkujo, Sirio, Jordanujo, Saudarabio, Kuvajtio kaj Irano. La sendependeco efektiviĝis en la jaro 1932.



*Ĉu siria kolego survojas al la regadejo ?*

La estiĝo de la fervoja reto :
El Yaroubieh (limo al Sirio) - Bagdado : 1940 (Bagdad-fervojo)
Bagdado - Basro : ĉ. 1945 (etŝpura linio), ekde 1968 normalspura
Basro - Umm Qasr : 1971
Husaiba (limo al Sirio) - Bagdado : 1985
Al Qaim - Akashat : 1985 (vartransporto)
Haditha - Baiji - Kirkuko : 1988
Bagdado - Erbilo/Khanikin : nekonata.

La fervojo nomiĝas IRR, kio estas "Iraqi Republic Railways". Tio pruvas heredaĵon de la brita influo. Ankaŭ la fervojaj linioj en Irako devenas parte el la turka epoko. La konstruo de la Bagdad - fervojo ekestis en 1893.



## 43-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno (16-a /23-a de februaro)

# Grava atentigo

La partoprenantoj dezirantaj sendi monon al rumanaj kolegoj devas uzi la "SWIFT "konto de A.F.E.R.-ROMANIA
Nomo de banko : ROMANIA BANK FOR DEVELOPMENT
Adreso : 4 Doamnei Street, 3rd District, Bucarest , ROMANIA.
Konto Numero: S + 080 + 25 11 002 960 65 901 Brasov Branch Swift Kodo : BRDEROBU
3 "adresoj": 1. Stefan Mihai 2. Rodica Todor 3. Marcu Constantin.
Rumanaj organizantoj krome proponas la jenan provizoran programon :
Sabato 16-a -Akcepto de la partoprenantoj. Bonveniga vespero en hotelo.
***Dimancho 17-a :*** Skiado suḃ la monto pinto de PREDEAL
Vizito de urbo SINAIA kun Kasteleto de reĝa familio por Neskiantoj
Vespere: Videobendo :Monumentoj kaj monaĥejoj de Rumanio.
***Lundo 18-a :*** Ekskurso al urbeto: Buŝteni, veturado per ŝnurega telfero
Vespere: Karnavalo.
***Mardo 19-a :*** Duontaga ekskurso al akvofalo:"Urlatoare"
Vespere: Lingva Konkurso.
***Merkredo 20-a :*** Tuttaga ekskurso al Brasov kun orgena koncerto en"La Nigra Preĝejo"
Vespere:Libera.
***Jaŭdo 21-a*** : Skikonkursoj, Piedira Konkurso
Vespere : Disdonado de premioj.
***Vendredo 22-a*** : Veturado al montopinto «Garbova»
Vespere :Folklora vespero:muziko, k.t.p...
***Sabato 23-a*** : Forveturo

Hubert Peyrouty : esperanto.peyrouty@free.fr

---

Oni komencis ĝin en Turkujo jam en tiu jaro, sed nur en 1940 atingis la unua trajno Bagdadon ; poste trafikis la trajno "Bagdad-Ekspress" (germane), "Toros - ekspresi" (turke), kiu bezonis 3 tagojn kaj noktojn inter Istanbulo kaj Bagdado. La daŭrigo al la Persa Golfo ekzistas, unue per etŝpura ĝis Basro, nun ĝis Umm Qasr (limo al Kuvajtio) per normalŝpura trako. La direkcio de la IRR havas la sidejon en Bagdado kaj la IRR estas membro de UIC sub la kodnumero 99.

Pro la jam menciita porkurda teritorio ekzistas en Irako sekva problemo rilate al la etendiĝo de la fervojreto ; la parto apartenas jure al Irako, sed fakte estas sendependa. Pro la kvazaŭa bojkoto kontraŭ Irako ne estas imageble, ke oni konstruos nun tie novajn fervojajn liniojn.

Supozeble, Irako ankaŭ havas fervojan ligon (aŭ havis) al Irano, ĉar sur kelkaj mapoj ekzistas linio de Basro al Ahvazo en Irano. Ĉar la rilatoj inter ambaŭ ŝtatoj estas streĉitaj, oni ne povas pensi, ke la fervojo funkciu sen tia influo.

Pri malagrablaj travivaĵoj dum mia veturo al Sirio en la trajno mi ne povas raporti. Sed en la hodiaŭa tempo oni certe preferus flugi tien. Vojaĝo al Irako nuntempe ne estas rekomendinda, nek per trajno, nek per aliaj transportiloj, ĉar la tiea malriĉeco ne estas alloga por dorlotitaj eŭropanoj ....

Walter Ullmann, Germanio

**Eraro en telefonnumero**
Eraro enŝoviĝis en la telefonnumeron de Henning Hauge aperinta en la « adresaro de IFEF » de julio 2001.
Bonvolu korekti tiele :
« PT/PF +49 4881 937 **880** ».




**La cikad' kaj la formik'**

Sonis dum somer' kantad',
De cikad'.
Kiam venis la jarfin',
Sen proviz' ĝi trovis sin;
Ĉar ne estis ie de,
Muŝ' aŭ verm' pecet', pro ve'
Kaj malsat' ĝi turnis sin
Al Formik', la najbarin',
Ŝin petante pri paner';
Ĉar grandegis la mizer'.
"Ĝis la nova kant-sezon'
Iĝos ja de mi redon',"
Ĵuris ĝi,"kaj pagos mi
Interezon ĝis juni'!"
La formiko, kiu vere
Ne pruntdonon ŝatis tre,
Diris:"Mi ĝin donos ne!"
Kion faris vi somere?" -
„La pasantojn per muzik'
Mi ĝojigis ĝis aŭtun'."
„Mi tre ĝojas, dancu nun!"
Diris tiam la formik'.

Verkita de la poeto Delafonteno, Ĵano (1621 - 1695).

Esperantigis: Manfredo Ratislavo
en 1983 laŭ la origina franclingva teksto.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
53-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro : Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72 230 Arnage, France**
**Tel /Fakso +332 43 21 16 39**
**Retadreso :**
**Jean.Ripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto** : Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso : lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto** : István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso : kozsu13@freemail.hu

**Sekretario** : Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb

**Kasisto** : Henning Hauge
Esperanto-Nord
Am Ostersielzug 6
DE-25840 Friedrichstadt.
Tel : + 49 488 193 78 80
Retadreso :
Esperanto-Nord@web.de

**Dana poŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banegårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando, aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj)

**UEA-konto :** iffk-o

**Apermonatoj :**
Januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1378 BUDAPEST, Hungario

**IFEF-TTT-paĝaro :**
HTTP://perso.wanadoo.fr/esperanto/afce.htm

VIG 2001.565



## Mi KONFESAS

Mi devas publike agnoski ke mi falis en situacion tre kritikatan, kaj tamen tre komunan.

Jes, mi konfesas. Mi publike konfesas, ke mi estas bigamiulo. Sed mi ne hontas. Male, mi fieras pri tio. Kaj mi dubas, ke vi povos kompreni min. Tamen mi provos klarigi, ne ĉar mi bezonas konvinki vin, sed nur ĉar la pureco de miaj sentoj devigas min montri alte mian frunton antaŭ la kritikoj de tiuj, kiuj verŝajne vivas mian saman situacion, eble en malsamaj cirkonstancoj, sed ne kuraĝas agnoski ĝin.

Dekkvinjaraĝa, mi konis junulinon kiu post ok jaroj fariĝus leĝe mia edzino. Sed kiam mi estis deksepjara, hazarde mi unuafoje konatiĝis kun alia belulino. Estis tuj evidente ke ĝi ne estis juna, sed al mi prezentiĝis tia, kian mi ĉiam estis serĉanta : dumviva, eterna, absolute aktuala. Mi sentis, ke ĝi estas la ĝusta respondo al miaj demandoj, kaj mi enamiĝis. Nu, mi sentis la internan voĉon, kiu riproĉis min pro tio, ke mi jam simpatiis al la unua junulino, sed mi sufokis tiun voĉon, kaj ŝtopis miajn internajn organojn por ne aŭdi ĝin.

La jaroj forflugis : mi edziĝis al la unua junulino , kaj daŭrigis senkaŝe miajn ritatojn kun la "alia". Mia edzino plurfoje riproĉis kaj ankoraŭ riproĉas min pro mia senfideleco kaj pro mia senmorala bigamieco. Mi diradis kaj diradas, miadefende, ke kvankam leĝe mi edziĝis al ŝi, pli frue mi komencis kunvivadi kun la "alia".

Vi certe estas pretaj defendi mian edzinon kaj konsideri min nedeculo kaj fiedzo, tamen mi kuraĝas alte teni mian frunton, ĉar laŭ mia opinio, mi estas senkulpa. Estas vero, ke tre ofte mi enlitiĝas kun la "alia", sed mi povas certigi al vi, ke nenio okazas : post kelkhora aŭ post nur kelkminuta legado, mi ekdormas trankvile, apud mia edzino, tenante en miaj manoj la "alian", sub formo de revuo aŭ libro: la Internacian Lingvon, Esperanton !

Ajna Esperantisto

Eltirata de la revuo "Venezuala stelo" nº 66

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati
Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Retadreso : galati@radiotel.ro

